Año XI (N.° 115) Depósito Legal V. 309-1959

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 3

MAYO JUNIO 1959

Marqués de Caro, 6
VALENCIA
(ESPAÑA)

## HABLANDO SE ENTIENDE LA GENTE

**El conocimiento satisfactorio del idioma internacional constituye, sin duda alguna, un don, cuyo valor saben muy bien aquilatar los que lo poseen. No pecamos de hiperbólicos al afirmar que todo esperantista se siente por encima del nivel común, por el solo hecho de haberse anticipado a la generalidad de las gentes, en el poderoso avance cultural que supone la posibilidad de poderse entender con personas de todos los países, por el sencillo método lingüístico creado por el Doctor Zamenhof. Este legítimo orgullo, que siente todo aquel que sabe el Esperanto, se convierte en un fervoroso deseo de hacer extensivo tal conocimiento a todo el mundo, con lo que este poderoso medio de relación aumentará progresivamente su valor utilitario. De ahí nace el afán difusivo de los esperantistas quienes, en su porfía cultural, no escatiman esfuerzos ni sacrificios, para lograr su loable propósito: que toda la humanidad pueda comprenderse, por medio de un segundo lenguaje común, capaz, expresivo y fácil de aprender.**

**De entre todos los medios utilizados, para lograr tan alto objetivo, destaca por su eficacia la organización de congresos, tanto internacionales como nacionales. Los primeros, por la adecuada demostración de lo que puede ser, para todo el mundo, la utilización del idioma internacional, son la prueba definitiva y convincente de la bondad del Esperanto. Los segundos, en menor escala, prueban cumplidamente, como los primeros, que el Esperanto es la solución adecuada al caos idiomático, sin desdoro del idioma de cada nación, siendo además la medida, en una fácil realización, del plan de enseñanza y difusión en cada país. Por ello, todo esperantista debe tener a gala que el congreso de Esperanto en su país tenga la brillantez y realce que merece, dando todo su apoyo para que nadie, en su patria, ponga en duda la eficacia del Esperanto y la capacidad docente -con un elevado idealismo- de los esperantistas.**

**¡Que nadie lo olvide! La medida de la importancia del movimiento esperantista, en cada país, la da el resultado del congreso nacional correspondiente. No se puede, pues, escatimar esfuerzo alguno, para que el congreso sea cada año más satisfactorio que el anterior. Si queremos que los demás den al Esperanto el crédito que merece, los esperantistas deben demostrar, con su presencia y activa participación, que son la avanzada de un movimiento de efectiva eficacia, para borrar en el mundo la ominosa incomprensión existente, a través de las fronteras, a causa de la diversidad de idiomas, porque... solo hablando se entiende la gente.**

Es de notar, muy satisfactoriamente por nuestra parte, la atención que viene prestando al Esperanto la prensa española, dentro del conjunto informativo de este año jubilar del Dr. Zamenhof. En Valencia, con motivo del cincuentenario de su famosa Exposición Regional, a la que asistió el Dr. Zamenhof, se menciona este detalle en casi todas las informaciones periodísticas. También en los más importantes diarios de Galicia, se han publicado artículos y reportajes, merced a gestiones de nuestro activo consocio Antonio Alonso Núñez, de Pontevedra. Ultimamente hay que destacar, además de un interesante reportaje en el semanario «Dígame», un razonado artículo de J. Régulo Pérez, en la revista de política internacional «Mundo», y otro muy oportuno y acertado, por su carácter didáctico e informativo, del Prof. D. Dalmau, en «A B C», el prestigioso rotativo nacional.

## HISPANO (*) KAJ ESPERANTO

Talenta poligloto angla, D. B. Gregor, ĵus publikigis du interesajn librojn esperantismajn. Nun mi okupiĝos nur pri tiu entitolita: «Fontoj de Esperanto», kiun ankoraŭ mi ne konas, sed pri kiu, kiam Gregor ĝin preparis, mi arde diskutis, pro lia tiama firma aserto, ke nia lingvo hispana nenion enfluis en Esperanton.

Ni scias, ke lingvo ne estas simpla kolekto da vortoj aŭ voĉoj, sed resumo de signifoj, de esprimoj, de ideoj. Tiel ni ĝuste diras, ke Esperanto sintezas nuntempan kulturon universalan. Aserti do, ke Esperanto nenion prenis el Hispano estas kiel diri, ke nia lingvo hispana ne rolas en la mondkulturo. Sed, per ĝi elkovriĝis Ameriko, per ĝi ĉirkaŭiĝis unue la Tero, per ĝi elpensiĝis la Submarino kaj per ĝi flugis la unua Helikoptero. En nia lingvo verkiĝis Don-Kiĥoto, tradukita en plej multe da idiomoj, post la Biblio; en nia lingvo, Ulloa, 1735, ekprononcis la ĝeneraligitan nomon Platino, kaj Alfonso la X-a, ekalnomis la Paperon, kiam en Valencio oni komencis fabrikadi ĝin el drapoj; nomo ĉie diferenca, eĉ malsama, de la arabegipta Papiro (kial Papiruso?).

La hispana lingvo, krom la karnaj voĉoj enlandaj, primitivaj, ensorbis latinide la kulturvortojn grekajn; la science arabajn Alkemio, Algebro, krom multajn aliajn, astronomiajn kaj arkitekturajn; ensorbis hebreajn, kun kiuj ĝi kunvivis jarcentojn, kaj la tutnovajn: Tabako, Ĉokolado, Maizo, indiĝenajn de Ameriko, kiun ankaŭ, Hispanujo plenigis. Kun tia sintezo de kulturoj, ne superita alilingve, kaj helpe de pli komuna skribmaniero, hispanigitaj vortoj trakuris Eŭropon en kvanto neniel superebla. Kiel oni povus aserti, ke Hispano estas fremda al la universala kulturo, al Esperanto? Plie, Zamenhof uzis hispanan lingvon, almenaŭ vortare, laŭ propra konfeso; hispana lingvo estis lingvo de liaj praavoj, laŭ lia bofrato; la genio de la hispana lingvo inspiris Esperanton, kiel pruvas ĝia strukturo kaj aspekto. Ĉu pli?

Iam mi diskutis la aferon, ĉar li pensis kiel Gregor, kun nia klera samideano J. Régulo Pérez kaj, se la silento estas konsento, li *finfine* konvinkiĝis. En la komentata verko de Gregor, laŭ letero lia al mi, li deklaras: «hispana lingvo *finfine* ricevis ioman mencion». Ioman! La vero ektriumfos!

**Francisco AZORIN (Meksiko)**

(*) Ĉi tiu vorto havas ĉi tie la sencon de propra nomo por la hispana lingvo.—REDAKCIO.

---

# JUNULARA RUBRIKO

Prizorganto: Salvador Aragay - Sans, 292 - BARCELONA

### KIEL DEVAS BATALI LA JUNULARO?

Per ĉi tiuj vortoj mi ne deziras malkovri ion novan, nek montri normon aŭ leĝaron por nia konduto. Mi volas nur atentigi, ke la gejunuloj estas idoj de la veteranaj samideanoj; tial, ni devas kontentigi iliajn dezirojn kaj komplezi iliajn esperojn, per nia fruktodona agado.

La junularo estas fonto de virto kaj energio, kio ne ĉiam estas uzata por efektivigi ideojn. Ni devas konvinki, ne nur per rezonoj de la filozofio kaj la scienco, sed ankaŭ precipe per gajaj distroj kaj kulturaj aranĝoj: muziko, teatro, k. t. p. Ekzemple, oni povus krei teatran grupon por prezenti en Esperanto konatajn verkojn, nome: La Pasionon de Jesuo aŭ la dramojn de Shakespeare k. t. p.

La unueco faras forton; se ĉiuj junaj esperantistoj unuiĝas ĉirkaŭ ni, ni faros multon por la triumfo de Esperanto, tiu mirinda lingvo, kiu estis kreata por forigi la konfuzon de la Babela turo, kaj kiu ricevis aprobon de Papo Pio, la XII-a, per oportunaj vortoj.

**Johano JEREZ**

### 1.a TENDARO DE LA HISPANA ESPERANTISTA JUNULARO

Parolante kun pluraj junuloj, pri la jam proksima Kongreso en Malaga, mi konstatas, ke malmultaj el ili povos ĉeesti pro diversaj kaj kompreneblaj malfacilaĵoj. Tiuj malfacilaĵoj estas personaj kaj rilatiĝas kun la junularo mem. Mi citos la ĉefajn: nesufiĉo da tempo, patra permeso por vojaĝi, necesa mono por la vojaĝo, restado, k. t. p. Certe, estos malmultaj la gejunuloj, kiuj sukcesos venki jam ĉi-jare la antaŭajn malhelpaĵojn.

Urgas kunveni por interŝanĝi ideojn kaj opiniojn. Plej trafa solvo estas organizi renkontiĝon, en konvena kaj oportuna kampadejo, se ne por ĉiuj H. E. J. S.-anoj, almenaŭ por plimulto el ili.

Pritaktante la aferon, la estraranoj decidis organizi tiun renkontiĝon en la Barcelona provinco. Tial, nia 1.a Tendaro fariĝos speco de antaŭkongreso por la 20a nacia kongreso. En la venonta bulteno, ni indikos la precizan lokon kaj la komunikilojn por ĝin atingi.

**S. ARAGAY**

## Konsiloj al versfaronto

Ne forgesu, ke poeto,
pro la forto de la rim',
foje venos al la krim'
kaj ne plu estos asketo.

Ne hezitu, magnetizu;
eĉ validas dekalogo,
kunfandita je mensogo.
Se necesas, improvizu!

Se la tempo estas Majo
--aŭ silaboj ĝenas vin--,
la komenco estu la fin'
kaj la loko, Paragvajo!

**EÚMA** (Zaragozo)

### SPRITO ESTAS PROFITO

Du vinvendistoj promenas sur strando. Rigardante la maron, unu el ili diras:

—Kio okazus, se tiu akvo fariĝus vino?

—Mi ne scias, sed estas terure nur pensi, kiom da akvo oni bezonus por «kompletigi» tiun vinon.

—

—Mia edzino estas tiel ŝparema, ke, el la ŝtofo de sia vestaĵo, ŝi faris al mi plej diligente tri kravatojn.

—Ho, tiuokaze, mia edzino ankoraŭ estas pli ŝparema; el unu sola kravato mia, ŝi faris al si tutan vestaĵon...

—

Brita sciencisto asertis, ke la televido fortimigas la ratojn. Laŭŝajne, la vibrado de la ondoj efikas sur tiuj roduloj, kiuj foriĝas de la televidaj aparatoj.

Kiam ĵurnalo aperigis la informon, leganto rapidis jene respondi:

—Tio, kio fortimigas la ratojn, ne estas la vibrado, sed... la programoj!

**Virino povas esti tre malklera kaj tre agrabla samtempe.**
PIO BAROJA

### NENIAM LA SCIO MALUTILAS

Por fabriki silkan ŝtrumpon, oni bezonas fadenon je minimuma longo de 1600 metroj. La nombro da maŝoj, en tiu sama ŝtrumpo, proksimumas al 750000.

—

Laŭ franca kuracisto, nenio pli bona, por plifortigi la voĉkordojn, ol la suko de oranĝo kaj citrono, eĉ de tomato. Kontraŭe, kiu deziras bone konservi la voĉon, tiu devas eviti la pomojn, pirojn kaj dolĉaĵojn, ĉar la manĝaĵoj kun tro da sukero malfortigas la voĉkordojn.

—

Paŝi estas tre saniga rimedo, por ripozigi lacan cerbon aŭ por reviglîgi la muskolojn. Tiu malmultekosta ekzerco plifortigas la digestorganojn kaj estas tre taŭga procedo por la nervaj afekcioj.

## SFINKSA ANGULETO

### ASTRONOMIAJ CIFEROJ

**La sekvantaj ciferoj signifas konatajn distancojn, laŭ metroj:**

a) 149 670 000 000
b) 35 040 000 000 000 000
c) 398 400 000

**Al kio rilatas tiuj distancoj?**

**Ĝusta solvo gajnos du poentojn ĝis 15. Junio.**

**SOLVO PRI LA EKZERCO LA PIEDIRANTO EN LA PASINTA NUMERO**




**Ne rapidu akiri novajn amikojn, sed zorgu gardi la malnovajn.**
SOLON

## INTERLINGVA PARALELO

**ORIGINALO**

**Llamar a uno maestro no envuelve elogio alguno, y el mismo Sócrates, que enseñó su doctrina filosófica a Platón, detestaba de la palabra, porque decía que enseñar la verdad no era privilegio de nadie. Es hermoso, aunque a veces resulte incómodo, el ser amigo de la verdad.**

*De un libro de crónicas del periodista Ignacio Guasp, de San Juan de Puerto Rico.*

**TRADUKO**

Nomi iun majstro ne envolvas laŭdon; eĉ Sokrato mem, kiu instruis sian filozofian doktrinon al Platono, malŝatis la vorton, ĉar li diris, ke instrui la veron estas nenies privilegio. Estas bele, kvankam foje ankaŭ ĝene, esti amiko de la vero.

*El libro pri kronikoj de ĵurnalisto Ignacio Guasp, el San Juan de Portoriko.*

*Ĝuste nun, oni celebras en Valencio la 50-jaran jubileon pri ĝia tiutempe gravega Regiona Ekspozicio, kiun D-ro Zamenhof mem vizitis kun aliaj eminentuloj, okaze de Post-Kongreso, aranĝita dum Septembro 1909, kiel sekvo de la 5-a Universala Kongreso en Barcelono. Estas agrabla koincido, ke por hispanoj --precipe katalunoj kaj valencianoj-- la Zamenhof-Jaro havas duoblan signifon. Por iel rimarkigi tiun duan aspekton, ni intencas aperigi, en pluraj numeroj, oportunajn represaĵojn el la tiama gazeto «La Suno Hispana».*

*Jen do la unua kompilo --preskaŭ senŝanĝe en la originala stilo-- kiu rakontas pri stando prezentita de la Valencia Grupo. Tiu stando, laŭ nia opinio, estis fakte la unua Esperanto-Ekspozicio en Hispanio, almenaŭ kiel parto de oficiala publika entrepreno.*—REDAKCIO.

## LA VALENCIA GRUPO ESPERANTISTA EN LA REGIONA EKSPOZICIO

Dank' al la Valencia Urbestraro, dank' al la Ekspozicia Komitato kaj dank' al la fervoro de la Valencia esperantistaro, nia Ekspozicio povas nun pruvi antaŭ la mondo, ke Valencio ne dormas rilate al la giganta paŝo, kiun la homa progreso faris favore al Esperanto, la Internacia Lingvo, *dua por ĉiuj.*

La Valencia Urbkonsilantaro, kiu de antaŭ du jaroj subvencias la Esperantistan Grupon, destinis en la majesta palaco, kiun ĝi starigis en la Regiona Ekspozicio, salonon por elmontri esperantistajn elmetaĵojn. Jen kiamaniere, Esperanto eniĝas en la oficialan vivon. La Valencia Grupo akceptis tre danke; kaj hodiaŭ la instalaĵo estas preta kaj admirata de ĉiuj vizitantoj, kiuj plene interesiĝas pri ĝi. La salono havas kvardek kvadratajn metrojn; en angulo, aranĝita kiel honora loko, oni metis belan portreton de D-ro Zamenhof, kun standardo kaj laŭrobranĉoj. Sub la bildo, montriĝas kelkaj poŝtkartoj de nia Majstro al valenciaj samideanoj.

Laŭlonge de la kvar muroj, oni lokis la libromontrejojn, por belega kolekto da libroj, inter kiuj distingiĝas la plena kolekto, ĝis nun eldonita, de la firmo Hachette. Super la libraro vidiĝas kvar vicoj da poŝtkartoj, ricevitaj de valenciaj samideanoj, ordigitaj laŭ fakoj, kiuj mirigas la vizitantojn kaj havigas al ili okazon konvinkiĝi pri la vivanteco de la Zamenhofa kreitaĵo, ĉar oni povas diri, ke per tiu riĉa aro da poŝtkartoj estas reprezentata la tuta mondo: urbaj vidaĵoj, popolaj tipoj, grupoj, portretoj de konataj samideanoj, migrantaj kartoj, propagandiloj k. t. p.

Supre de la poŝtkartoj, ĉiam laŭlonge de la kvar salonmuroj, montriĝas preskaŭ la tuta Esperanta Gazetaro, interesa kolekto de 142 diversaj gazetoj. Krome, sur la muroj estas ses afiŝoj, du el ili kun la Esperanta alfabeto kaj la karakterizaj finaĵoj de la vortoj kaj verboj. La kvar ceteraj surhavas elektitajn pensojn, hispane kaj esperante. En angulo, fronte al la portreto de nia Majstro estas almetitaj la dokumentoj pri la Barcelona Kongreso. En la muroj norda kaj okcidenta de la salono estas du larĝaj fenestroj; sur la okcidenta, drapirata per verda ŝtofo, estas aro da afiŝoj landaj kaj eksterlandaj, inter kiuj elstaras tiu de la Barcelona Kongreso.

Ĉe la sama fenestro estas videblaj diversaj komercaĵoj kun Esperanta marko: likvoro «Esperanto», kulmortigaj pasteloj, oranĝoj «Zamenhof» kaj «Verda Stelo» ktp. La muroj estas ĉirkaŭe ornamitaj per pendantaj naciaj flagoj, kvazaŭ tapetoj. Meze de la salono, staras tablo plena de Esp. propagandiloj kaj aliĝiloj, invitante la vizitantojn enskribiĝi, kiel membroj aŭ helpantoj al nia ideo. Supre, sur la plafono, granda kvinpinta verda stelo regas la tutan instalaĵon.

Sur konvena loko de la muroj ankaŭ vidiĝas kvin pergamenoj, ĉirkaŭataj de laŭrobranĉoj, kun memoriga teksto pri la kvin ĝisnunaj Esperanto-Kongresoj. Certe, ĉi tiu aranĝo estos ege fruktodona por nia idealo en Valencio, dum la poŝtkongresa ekskurso al nia urbo, kiu okazos de la 15-a ĝis la 18-a de Septembro, kun ĉeesto de D-ro Zamenhof. Nia instalaĵo troviĝas inter tiu de la Instituciο por la Virina Instruado kaj tiu de la Lernejo por surdmutuloj kaj blinduloj. Super la pordoj de nia salono estas videbla la surskribaĵo: ESPERANTO, LINGVO INTERNACIA.

Kompilita el la gazeto «La Suno Hispana», aperinta en Valencio, Jaro VI-a N.° 69 - Septembro 1909.

**...kaj nun, post kvindek jaroj, nia fervoro -defiante la tempon- ne velkas!**

# MALAGA: JU PLI LONGA VETURO, DES PLI LONGA PLEZURO!

Nia nunjara nacia Kongreso en Malaga devas respeguli la maturecon kaj gravecon de la hispana Movado. La soleneco de la Zamenhof-Jaro postulas adekvatan kadron, tial oni elektis taŭgan kaj belan lokon en la ĉarma andaluza urbo.

Efektive, en Malaga, la esperantistaro trovos junan grundon, por semi nian idealon. Pluraj dekoj da gejunuloj atendas soife nian rendevuon. Reciproke, ni arde sopiras al tiu renkontiĝo en la suda brilkolora scenejo, kiu ĝentile sin preparas por plej bonvole nin akcepti. Tiu animstato aŭguras plenan sukceson al la Kongreso, kiu, kun la allogo de belegaj panoramoj, tipaj folkloraj festoj kaj la sorĉaj melodioj de la regiona muziko, ĉarmos ĉiujn partoprenantojn. Favora ŝanco por nia 20-a Kongreso estas la fakto, ke ĝi estas patronata de «Círculo Mercantil», plej grava klubo en la urbo.

Tio donos al la tuta aranĝo pompan disvolviĝon, ebligante tiel la certecon vidi kaj aŭdi, kion ordinaraj turistoj ne ĝuos, eĉ per tute malŝparema monujo: Arabaj restaĵoj, tipaj andaluzaj domoj kaj kutimoj, neforgeseblaj kantoj kaj dancoj, milde ondanta maro, kun logaj strandoj, susuroj de palmoj kaj vagado tra sukerkana tropika kamparo...

Jen rava pejzaĝo, en mirinda kadro, kiun ĉiuj kongresanoj admiros en Malaga, la vintra restadejo kaj somera ripozejo. Nu, oni povas aserti sen plej eta dubo, ke la Zamenhof-Jaro estos digne celebrata, en unuaranga Kongreso, kiu restos por ĉiam en la memoro de tiuj, kiuj ne mankos al la ĝentila invito de la andaluzaj samideanoj.

Sendu tuj do vian aliĝon. Eĉ en la okazo, ke vi ne estas riĉa, ĉar, tute certe, vi trovos tie malmultekostan loĝejon... ie ajn! La rezultato pravigos la klopodojn!

---

# XX CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO — 18 - 23 AGOSTO MALAGA

**Es de suponer que, a estas horas, todos los miembros de la Federación habrán recibido ya el boletín de inscripción, enviado hace días. Si, por cualquier causa, alguien no lo hubiese recibido, debe solicitarlo directamente a nuestras oficinas o a la Secretaría del Congreso, cuya sede es: «Círculo Mercantil», calle de Larios, núm. 3 - Málaga.**

**Al efecto de un rápido cómputo de la asistencia, es conveniente no demorar el envío de tal boletín, debidamente cumplimentado. No es preciso enviar, con el importe de la cuota y la reserva del hospedaje, el coste del ticket para el banquete, ni el de la excursión. A los congresistas procedentes de importantes núcleos urbanos: Madrid, Barcelona, Zaragoza, Bilbao, etc., recomendamos la organización de viajes colectivos, en autocar, no solamente por el abaratamiento en el transporte, sino también porque con ello se posibilita la visita a bellos lugares, durante el trayecto, aumentando así el incentivo para la inscripción.**

**Los amigos catalanes, que no puedan lograrlo, tal vez encuentren oportunidad de acoplamiento en el viaje colectivo, que se está organizando en Valencia. Se está gestionando además, el montaje de un campamento o dormitorio colectivo, con objeto de facilitar a los jóvenes —y a los modestos— la posibilidad de no faltar al Congreso, en este año jubilar.**

**Como en años anteriores, se dispondrá de tarifa reducida en los ferrocarriles, cuya tarjeta se enviará oportunamente a todos los adheridos, para acreditarles como congresistas.**

---

## EN GIJON, ONI VIGLE LABORAS SUB LA VERDA STANDARDO

Certe, ĉar la ideo pri internacie ĝenerala lingvo estas esence kultura, la vere bona ejo, por ĝia nestiĝo kaj prestiĝa agado, estas la Ateneoj. Sekve, laŭ tiu fundamenta konvinko, estis organizita, en la Ateneo «Jovellanos» de Gijón, Esperanto-Ekspozicio fine de pasinta jaro; ĝin vizitis pli ol dekmil scivoluloj. Tuj estis organizita trimonata kurso, kiun lerte gvidis la gijona UEA-Delegito, entuziasma samideano Alberto Menéndez. La kurson partoprenis ĝisfine pli ol tridek gelernantoj, ĉiuj kleraj studentoj. La 6-an de Marto okazis ĝia iel solena fermo, ĉe vere entuziasma etoso. Duan kurson komencis tuj preskaŭ 50 komencantoj, multaj el ili, kiel en la antaŭa, junaj belaj virinoj kiuj vive simpatiigas kaj firmigas la kursojn. Konsekvence, formiĝis grandnombra kaj gaja nova Esperanto-Grupo en Gijón, nestiĝanta en la Ateneo «Jovellanos», kaj promesanta dekomence tre efikan laboradon. Dank' al tiu atenea Grupo, la «afero» revigliĝas en Gijón, antaŭmilite tre grava Esperanto-urbo. Oni preparas interesan Universalan Ekspozicion per Esperanto, en komuna agado kun la grava Grupo de Oviedo, kies aktiveco estas vere laŭdinda.






**TAGLIBRO DE ANNE FRANK.** Traduko de G. J. Degenkamp el la nederlanda originalo. Eldono de «Heroldo de Esperanto». — 219-paĝa volumo 19'5 x 13'5 cm. kun sep tutpaĝaj ilustraĵoj, bindita en helverda tolo kun ora surpreso. Prezo: 125 pesetoj, mendebla ĉe Hispana Libro-Servo.

Evidenta kaj konsola pruvo, ke ankoraŭ ne pereis absolute la morala sentemo de la homoj, estas la forta impreso, kiun la mondo ricevis, eklegante la ĉarme senpretendajn vortojn de juda knabino, konfidinta siajn intimajn sentojn kaj pensojn al la paĝoj de taglibro, dum angora periodo de pli ol dujara kaŝloĝado, en postdomo de Amsterdamo, kun gefamilianoj kaj rondeto da samsortuloj, kiuj, por savi la vivon, tie devis kunvivi, ne ĉiam sen internaj kvereletoj, kiam ekstere furiozis la plej abomenaj instinktoj de totala milito.

Kaj, ĝuste pro tio, plej sublime elstaras la NATURA sindonemo de la nobla protektinto kaj ĉefa helpanto de la kaŝitaj gastoj, S-ro J. Kleiman-Koophius, kiu, spite egajn danĝerojn kaj riskojn, fariĝis vivanta simbolo pri la virtoj de homa solidareco...

Tiel skribas pri tio Anne Frank mem: «Estas admirinde, kiel noble kaj malegoisme kelkaj homoj aktivas por helpi kaj savi aliajn, riskante sian propran vivon. Plej bona ekzemplo estas niaj protektantoj, kiuj ĝis nun helpis nin en ĉio kaj espereble sukcesos helpadi nin ĝis la finfina liberiĝo. Se ili ne sukcesus, ilin mem trafus la sorto de ĉiuj. Neniam ni aŭdis de ili eĉ unu parolon pri tio, kia ŝarĝo ni ja estas por ili; neniam unu el ili plendas, ke ni kaŭzas al ili tro da penado». «Jen kion ni neniam forgesu: kvankam aliaj montras heroecon en la milito, niaj protektantoj pruvas heroecon en sia komplezemo kaj ama oferemo».

Bedaŭrinde, la revata *finfina liberiĝo* ne okazis, ĉar la kaŝloĝejo estis malkovrata kaj la simpatia Anne mizere mortis en koncentrejo; sed, la interesaj priskriboj de ŝia taglibro fame nun rondiras la mondon, dank' al multenombraj eldonoj en plej gravaj lingvoj; ankaŭ en la nia, ĉar tute freŝdate, la eldonejo de «Heroldo de Esperanto» prezentis ĝin, en bela volumo, al la saĝa konsidero de la samideanaro.

Estu dirite, interparenteze, ke ĉi tiu eldono ankaŭ *ĝuis* siajn «internajn kvereletojn», kaŭze de dueco de tradukoj, sed tiu aspekto de la afero neniel koncernu la kritikon de recenzistoj, por kiuj validas nur la konkretaj faktoj. Kaj vere ja konkreta fakto, ke S-ro Degenkamp, sperta artmetiisto kiu dorlote prilaboras siajn kreaĵojn, donis esperantan formon al la spontanaj vortoj de Anne, tiel klare kaj bele, tiel simple kaj nature, ke, legante ilin, oni ja havas la impreson legi freŝan originalon, ege bonstilan...

Jes, dank' al la talento de S-ro Degenkamp, la rifuĝinta knabino ŝajnas rekte verki en Esperanto. Jen do plej granda merito de tiu honesta kaj zorga tradukinto, kies longjara kontribuo al nia literaturo kulminis en ĉi tiu unuaranga traduko, kiun tamen ĉiu esperantisto --eĉ komencanto!-- povos facile legi, kiel jam dirite, kvazaŭ originalon.

---

**TEATRO** — Kvar komedioj de Machado de Assis, tradukitaj de M. Aveleza de Sousa, A. Caetano Coutinho, Henerik Kocher kaj Débora do Amaral Malheiro. — Eldono de Brazila Esperanto-Ligo. 160 paĝoj. 18'5 x 12'5 cm. Prezo: 50 pesetoj.

En 1908, nur kelkajn monatojn post la fondiĝo de Brazila Esperanto-Ligo, mortis Machado de Assis, fama tiutempa aŭtoro --romanisto kaj teatraĵisto-- kiu sciis korekti per ridetoj aŭ per larmoj la bildojn, kiujn la vivo metis antaŭ liajn okulojn.

Memore al la 50-a jaro de lia morto, Brazila Esperanto-Ligo, koincide kun sia Ora Jubileo, eldonis ĉi tiun libron, kiel unuan en serio pri la brazila literaturo. Jen do kvar agrablaj unuaktaj komedietoj, en ĉarma bukedo, kiuj delikate eligas aromon de la romantika epoko de niaj geavoj.

Du el ili: «La Protokolo» kaj «Preskaŭ Ministro», kun malsama temo, sed kun sama ĉarma simpleco, estas, por mia gusto, la plej karakterizaj. Cetere, ĉar tre facile ludeblaj, ili bonege taŭgas por amatora prezentado, dum festoj, en niaj Grupoj, kies bibliotekistoj, cele al tiaj aranĝoj, devas tuj fari oportunan mendon.

La dinamika koncizeco de la originalo restas en la traduko, kies lingvo estas bona, ĉiam en glata formo por klara prononco kaj tuja komprenebleco. Tamen, la vitro de mia lupeo iomete *makuliĝis* pro ega abundo da vortetoj: *io, ia, iu, iuj, iajn* k.t.p. kiujn *solidare* la kvar tradukintoj, tro balaste por la stilo, malavare uzas, sub nacia influo de la portugala lingvo.

Sed, ŝparemo pri neologismoj aldonas kvaliton al ĉi tiu vere interesa libro.

LUIS HERNANDEZ

**SONĜE SUB POMARBO.** Triakta lirika komedio, en ses fantaziaj bildoj, de Julio Baghy; kun antaŭparolo de Marjorie Boulton kaj portreto de la aŭtoro. — Eldono: «Stafeto» J. Régulo Pérez, La Laguna (Kanariaj Insuloj) 232 paĝoj, 16 x 22 cm. Prezo: 100 pesetoj ĉe Hispana Libro-Servo.

La jam riĉa literatura provizo de Esperantujo abundas je poeziaj verkoj, sufiĉas je noveloj kaj romanoj, sed malsatas je teatraĵoj. Sendube, la malfacileco vidi ilin reprezentataj detenas la verkistojn malŝpari sian tempon kaj sian inspiron al tio, kion eble malmultaj homoj legos. Kaj tamen la Drama Literaturo estas signo --en opinio de Beletristoj-- ke ia popolo atingis la plenan maturecon en verkado.

Tial, la ricevo de nova teatra verko, malmulte post la apero de la bela «Jozefo», ĝojigis mian spiriton antaŭ la legado.

Bela antaŭparolo de M. Boulton --al tia sinjoro, tia honoro!-- nin avertas, ke Baghy verkis «Sonĝe» en Varsovio, rifuĝinte el la okazintaĵoj, kiuj sangbanis la belan Danuban ĉefurbon. Stranga efekto! Tia cirkonstanco ŝajnis inspiri tragedion aŭ elegion; sed Baghy verkis iluzian fabelon, miksaĵon da plej pura idilia amkomedio kaj vidaĵo de estontaj tempoj... sed ne tute strange, ĉar ja nia Calderon diris:

*El diant', ornama bel'*
*Gloro de pompa ĝardeno,*
*Vipero suĉas venenon;*
*Mielon suĉas l' abel'.*

La verko enhavas beleĝajn scenojn: La sorĉe bela dua bildo de la unua akto. La ŝerca sceno de la geavoj (dua akto). La kontrastaj dialogoj de la superhomoj (teknokratoj) ĉe la sceno de Romeo kaj Julieta k.t.p. estas pecoj, kiuj fariĝos klasikaĵoj.

Ne pensu, ke temas pri juneca fabelo. Sub la tavolo de realaj faktoj, antaŭ kiuj mi plurfoje min demandis; ĉu mi legas, ĉu mi sonĝas, kuŝas plej profundaj homaj filozofiaj problemoj: vivo kaj morto, amo kaj senmorteco, esto kaj lukto. La konkludojn la aŭtoro nur skizas, ĉiu interpretu laŭvole; sed la fino estas firme optimista. Baghy, ĉiam juna koro, vekigas en ni la amon al la vivo, al la espero, al la lukto...

Aserti, ke la versoj fluas en plena freŝeco, ke la aŭtoro majstras la sekreton de la poezio, same kiel li majstras la artifikon de la teatrarto, estas tiel superflue, kiel aserti, ke la fajro brulas. Plejparte, la formo estas paraj versoj, dekunusilabaj, sed kvarversaj strofoj, kvar-, sep-, ok-, kaj naŭsilabaj versoj metas la necesan varieco. Ne tro multaj neologismoj, por tiel grava verko, faras ĝin facile legebla kaj komprenebla. La eldonisto jam avertas pri sufiĉe malfacila korektado de la presprovaĵoj, tial kelkaj eraroj enŝoviĝis kaj ilia tabelo aperas ĉe la fino. Tamen, mi trovis aliajn versojn kun malgrandaj makuletoj pri ritmo, facile korekteblaj per ŝanĝordo aŭ elizio, kio sendube eskapis al la korektintoj. Nur mi ne ŝatas la uzon por propaj nomoj de literoj ne esperantaj (Xoxo kaj Qu); kontraŭe, kiam en naciaj lingvoj oni bezonas uzi nomojn, kies sonojn la koncerna aboco ne posedas, oni aliformas ilin, kiel okazas hispane kaj france kun la greka *psi*. Ankaŭ mi estus preferinta, ke, por la fabelaj estaĵoj *Teknokrato* kaj *Homunkulo*, oni elpensus nomojn tute esperantajn. Nia vortaro sufiĉas je radikoj por novaj signifoj, sen ke oni iru konstante al la greka kaj latina provizoj.

La reapero de la glora poeto Baghy, en Esperanta mondo, estas okazintaĵo pri kiu ni ĉiuj devas reciproke nin gratuli. Ni esperu novajn ĉefverkojn de la ĉiam freŝa, ĉiam juna, ĉiam revema verkisto.

**AMALIA NUÑEZ DUBUS**

---

**SAY IT IN ESPERANTO** by George Alan Connor and Doris Tappan Connor, advice given by Dr. William Solzbacher of the «Akademio de Esperanto». Dover Publications Inc. New York. Prezo: Dolaroj 0,75 aŭ 38 pesetoj.

Ĉi tiu jus aperinta libreto havigas, en simpla formo, al angle parolantaj personoj ciujn necesajn vortojn kaj frazojn, kiujn oni bezonas en Esperanto, dum vojaĝo kaj en la ĉiutaga vivo. La prononco de la vortoj estas laŭ bazo de angla fonetika sistemo. La libro enhavas 1325 vortojn kaj frazojn, ordigitaj en 63 rubrikoj. Ĉiuj rubrikoj, frazoj kaj vortoj havaj numeron, kiun oni povas trovi en la indekso, ĉe la fino de la libro. En antaŭparolo, la aŭtoroj klarigas la signifon de Esperanto kaj ĝian utilon dum vojaĝado. Kiel enkondukon, ili aldonas la esperantan alfabeton, kun ĝia prononcado, kaj la 16 fundamentajn gramatikajn regulojn.

La frazoj estas en bonega Esperanto. La libro certe multe utilos, precipe al novaj angle parolantaj esperantistoj, dum vojaĝo en eksterlando. La libro estas en tre oportuna poŝformato: 13.5 x 9 cm. el tre bona papero kaj fortike bindita, laŭ speciala maniero, tiel ke la folioj ne povas disiĝi.

Ĝi bone pligrandigas la serion, kiu jam kalkulas similajn konversaciajn librojn en 16 lingvoj.

**J. JACOBS** (Antwerpen)

# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a Marzo - Abril 1959)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 2.053 | Ptas. |
| A. Costa - San Mateo | 10 | » |
| P. Marqueta - Zaragoza | 20 | » |
| J. Torrejimeno - Alcaudete | 10 | » |
| R. Luna - Barcelona | 20 | » |
| E. Tudela - Valencia | 25 | » |
| D. Cebollero - Zaragoza | 15 | » |
| J. Ventura - Tarrasa | 30 | » |
| J. Montfort - Barcelona | 10 | » |
| V. García - Tarrasa | 2 | » |
| F. Abascal - Sevilla | 20 | » |
| E. Serra - La Laguna | 20 | » |
| M. Solá - Tarrasa | 80 | » |
| P. Buisán - Palencia | 10 | » |
| F. Martínez - Ceuta | 10 | » |
| M. Izaola Bilbao | 25 | » |
| F. Amorós - Valencia | 25 | » |
| A. Arias - Madrid | 10 | » |
| A. Núñez - Pamplona | 20 | » |
| J. Perarnau - Tarrasa | 20 | » |
| Esperanto Rondeto - Burjasot | 20 | » |
| J. Flaquer - Barcelona | 20 | » |
| M. Alsina - Barcelona | 10 | » |
| F. Alsina - Barcelona | 100 | » |
| Kataluna Esperantisto - Barcelona | 50 | » |
| J. Roig - Barcelona | 10 | » |
| J. Guzmán - Valencia | 20 | » |
| M. Manteca - Caspe | 50 | » |
| J. Casanovas - Tarragona | 20 | » |
| V. Marín - Barcelona | 25 | » |
| J. Lerroux - Barcelona | 30 | » |
| P. Reyes - Santa Cruz de Tenerife | 20 | » |
| A. García - Bilbao | 20 | » |
| M. Tarragó - Almatret | 30 | » |
| V. Perles - Miraflor-Vergel | 20 | » |
| F. Mezquita - Denia | 25 | » |
| Grupo Auroro - Barcelona | 10 | » |
| F. Vilá - Barcelona | 35 | » |
| J. Ferrer - Barcelona | 10 | » |
| F. Máñez - Zaragoza | 35 | » |
| M. Buscató - Barcelona | 10 | » |
| J. Ezquerra - Madrid | 20 | » |
| F. Gómez - Madrid | 15 | » |
| E. Roca - Tarrasa | 10 | » |
| J. Estañ - Granada | 120 | » |
| M. Salom Valencia | 12 | » |
| J. Guillomía - Barcelona | 20 | » |
| M. Garriga - Tarrasa | 25 | » |
| J. Blanch - Taradell | 4 | » |
| J. Bremón - Barcelona | 50 | » |
| A. Alonso - Pontevedra | 20 | » |
| Esperanto Fako - Puigcastellar | 10 | » |
| Harry Nilsson - Malmó | 150 | » |
| A. Gil - Vilviestre del Pinar | 15 | » |
| F. Alsina - Barcelona | 35 | » |
| J. Ballbé - Tarrasa | 50 | » |
| M. Ruiz - Madrid | 15 | » |
| G. A. Cortés - Daroca | 20 | » |
| J. Liceranzu - Bilbao | 10 | » |
| E. Costa - Sardanyola | 20 | » |
| J. Carles - Sardanyola | 20 | » |
| Esperanto-Klubo - Pedralba | 10 | » |
| Total | 3.646 | Ptas. |

*En este termómetro de la buena voluntad, sigue subiendo la temperatura. ¡Animo, pues!*



## ANONCETOJ

S-ro Miksci Lajos deziras koresp. kun hispanaj gesamideanoj.
Borsvezco, 13 — Miskolc (Hungario)

Polaj junuloj deziras korespondi kun hispanaj junulinoj.
S-ro Polec Henryk - pow. konskie, woj. kielce. - Niektań Maty, 3 (Pollando)
S-ro Zagorski Jerzy . ul. Kraszewskiego, 11/3
GDANSK WRZESZCZ (Pollando)

*Fine de Marto forpasis nia S-anino Pilar Ayora, el la Valencia rondo. Al ŝia edzo, nia kara amiko J. Llácer Sancho, ni esprimas plej sinceran kondolencon.*

## GEONKLOJ ESPERANTISTAJ

Pro la fakto, ke ni jam ricevis petojn por geonkloj kaj genevoj en Hispanujo (kaj aparte en Madrido) ni atentigas la hispanajn gesamideanojn pri la utilo de tiu aranĝo (vidu en BOLETIN de pasinta Decembro, paĝo 162).

Skribu al S-ro J. H. Sullivan; 3 Berwick Avenue, Urmston, Manchester (Anglujo)



## NOTA DE TESORERIA

Ante el aumento de las tarifas de Correos, y deseando evitar recargos inútiles a nuestros asociados, les rogamos efectúen el pago de sus cuotas por giro postal, escribiendo al dorso del talón el concepto del pago, pues aquellos que no lo hagan, recibirán el número extraordinario del Congreso contra reembolso de 55 pesetas (abonados) y 85 (protectores), para cubrir sus cuotas, mas los gastos de reembolso.

PERIS · GRAN VIA M. TU[illegible], 20 · VALENCIA

**RELACION** *de fondos suscritos para el Auxiliar de Secretaría, en 1959, con indicación de los correspondientes «números de consolación».*

| Número | Nombre y apellidos | | Población | Pesetas |
|---|---|---|---|---|
| 01-47 | Emilia Gastón | | Zaragoza | 300'— |
| 02-48 | Inés Gastón | | Zaragoza | 300'— |
| 03-49 | Conrado Berghänel | | Barcelona | 300'— |
| 04-50 | Eusebio Maynar | | Zaragoza | 300'— |
| 05-51 | José M.ª Bernabéu | | Callosa del Segura | 300'— |
| 06-52 | Manuel Salom | | Valencia | 300'— |
| 07-53 | José López | | Cullera | 300'— |
| 08-54 | Luis A. Ramírez | | Vera | 300'— |
| 09-55 | Ramón Molera | | Moyá | 300'— |
| 10-56 | J. K. | | Moyá | 300'— |
| 11-57 | José Casanovas | | Gerona | 300'— |
| 12-58 | Sres. Mimó - Criach | | Sabadell | 300'— |
| 13-59 | Juan Régulo | | La Laguna | 300'— |
| 14-60 | Alfredo Villa | | Gijón | 300'— |
| 15-61 | Darío Rodríguez | | Madrid | 300'— |
| 16-62 | Esperanto-Grupo | | Moyá | 300'— |
| 17-63 | Ernesto Tudela | | Valencia | 300'— |
| 18-64 | Miguel Arbona | | Palma de Mallorca | 300'— |
| 19 al 22 | Cooperativa «La Sabadellense» | | Sabadell | 600'— |
| 23 al 28 | Mariano Solá | | Tarrasa | 900'— |
| 29 al 32 | Juan Bosch | | Valencia | 600'— |
| 33 al 36 | Rafael Herrero | | Valencia | 600'— |
| 37-65 | Elsa Wolf | | Sta. Cruz de Tenerife | 300'— |
| 38 | Fernando Fernández | | Lugo | 100'— |
| 39 | José Roig | | Barcelona | 25'— |
| 40 | Juan Valls | | Mataró | 25'— |
| 41-66 | Esperanto-Grupo | (de 1958) | Bilbao | 300'— |
| 42-67 | Luis Otaola | (de 1958) | Bilbao | 300'— |
| 43-68 | Jaime Perarnáu | (de 1958) | Tarrasa | 300'— |
| 44-69 | Jaime Perarnáu | | Tarrasa | 300'— |
| 45-70 | Francisco Alsina | | Barcelona | 300'— |
| 46 | José Olivé | | Lérida | 150'— |
| | | | SUMA PESETAS. . . | 10.200'— |

NOTA.—Como se observará, para el año 1959 no se ha alcanzado el número preciso de 50 contribuyentes. Por ello, se ha decidido lo siguiente: repartir entre los 31 contribuyentes los «números de consolación»; y a los afortunados con igual terminación en el premio mayor de los sorteos del 25 de cada mes (a partir de Mayo), se les enviará un premio, consistente en un libro (de valor proporcional a la cuantía de su contribución, cuando ésta sea inferior a 300'— pesetas).

La recaudación de 10.200 pesetas se destina íntegramente al oficial de Secretaría, a razón de 850 pesetas mensuales.